


# PEDAGOGIA REVUO

Packonferenco en Praha:

Paco per Lernejo.

Ĉefkunveno de la Tutmonda Esperantista Instruistaro (TAGE) en Praha.

Fondiga kongreso de la nova Instruista Internacio en London.

6-a JARO N-o 7-8 JULIO-AŬGUSTO 1927

## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj en | Mono al Int. Ped. Revuo | Kotizo por ** T.A.G.E. |
|---|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 | 1,2 |
| Argentina | pes. or. | 2 | 0,8 |
| Aŭstria | ŝil. | 4 | 1,6 |
| Belga | nova mono | 4 | 1,6 |
| Brazila | milr. | 4 | 2 |
| Bulgara | lev. bulg. | 80 | 30 |
| Ĉekoslovaka | kron. ĉek. | 20 | 8 |
| Dana | kronoj d. | 2,5 | 1 |
| Estona | mark. est. | 250 | 100 |
| Finnlanda | mark. finl. | 25 | 10 |
| Franca | frankoj fr. | 12 | 5 |
| Germana | mark. or. | 2,50 | 1 |
| Greka | drahmoj | 42 | 16 |
| Hispana | pesetoj | 4 | 2 |
| Hungara | kronoj or. | 2,5 | 1 |
| Itala | liroj ital. | 15 | 6 |
| Japana | jen. | 1,5 | 0,6 |
| Jugoslava | dinaroj | 35 | 14 |
| Litova | lid. | 6 | 2,4 |
| Latva | lat. | 3 | 1,2 |
| Nederlanda | gulden. | 1,50 | 0,6 |
| Norvega | kron. norv. | 3 | 1,2 |
| Pola | zlot. | 4 | 1,6 |
| Portugala | eskud. | 12 | 5 |
| Rumana | lev. rum. | 120 | 50 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,25 | 0,50 |
| Sveda | kron. sv. | 2,5 | 1 |
| Svisa | frank. sv. | 3,5 | 1,4 |
| Usona | dolaro | 0,75 | 0,3 |

**) Abonantoj de Int. Ped. Revuo nur pagas duonan kotizon.

Abonon por Int. Ped. Revuo kaj kotizon por TAGE sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— por la germ. asocio, 0.50 por TAGE kaj 2.50 M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857“, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.





## ABONINTOJ!
## ŜPARU MONON!

**Renovigu vian abonon pere de niaj agentoj**

| **Landoj** | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstria: | Josef Feder, Wien II/1, Erlafstr. 8/9. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Gabarevo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Franca: | E. Vittecoq, instit. à. Bourville par Fontaine-le-Dun (S. Inf.). |
| Germana: | Goldberg, Frohburgerstr. 68 p. Leipzig-S 3 |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrović, Skadarska 35, Beograd, Serbio. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Sam Jansson, Rektoro, Beskowska Skola, Stockholm-Ö. |

6-a Jaro. N-o 7-8 Julio-Aŭgusto 1927.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.



## PACKONFERENCO EN RRAHA.

### Paco per lernejo.

16.—20. Aprilo 1927.

„Cedu al mi la edukon kaj mi ŝanĝos en unu jarcento la fizionomion de Eŭropo.“ En tiu vorto de Leibniz esprimiĝas la idealismo, la kredo, kiuj donas sencon al la eduka laboro kaj forton al la edukisto: la kredo al la kultura evoluigo de la homaro per edukado.

Tiu idealismo montriĝis ankaŭ en la packonferenco, kiun estis kunvokinta al Praha la Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo. La tasko de la konferenco estis ekzameni, ĉu kaj kiamaniere la interpopola paco povas esti certigata kaj akcelata per la lernejo, per edukado.

La bezono kunlabori en la paca edukado videbliĝis el la multnombra vizito, 400 edukistoj el 19 landoj partoprenis la konferencon.

Tre interesa por ni Esp.-instruistoj estis la fakto, ke la oficiala lingvo de tiu internacia eduka konferenco estis Esperanto. Kelkaj profesoroj referatis en Esp-o., la nacilingvaj referatoj aŭ diskutoj estis tradukitaj Esperanten. Kaj per tiu apliko de la helplingvo oni sukcesis tre bonan plenumon de la tro riĉa tagordo.

Protektoro de la konferenco estis la prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko Masaryk.

La honoraj prezidantoj, D-ro Beneŝ, Ministro de l' Ekstero kaj D-ro Hodza, Ministro de l' Publika Instruado, salutis la konferencon per varmaj paroloj.

La tri laborkunsidoj, en kiuj estis traktita la paceduka temo laŭ vidpunktoj de Psikologio, Instruado kaj Edukado, okazis en la granda aŭditorio de la Histologia Instituto, Albertov. D-ro Bovet, profesoro de la Ĝeneva Universitato kaj Direktoro de la Internacia Eduka Oficejo, prezidis la konferencon.

**La venonta numero aperos komence de Septembro.**

Li komencis la tagordon per studo pri la Psikologia Problemo de la Pacedukado (en Esperanto; la referato estis disdonita presita en franca lingvo). Du instinktoj vivas en la infanoj: la batalema kaj la sociala (speciale akcentita de Kropotkin). La ŝtato uzis la bataleman instinkton por efektivigi siajn militojn. La edukisto devas fleksi tiun instinkton kaj evoluigi por la batalo por la bono, por la idealoj de la homaro, devas meti ĝin kune kun la solidareca instinkto en la servon por la homa socio.

Tria homa instinkto estas la religia sento kaj la amo al patrolando, kiuj radikas laŭ la psikanaliza scienco en fila sento kaj el kiuj kreskas adoro al gepatroj, lojaleco al estro. La lojalismo de ŝtatano al reĝo similas al la senraciaj filaj sentoj de la infano. Tiu sento estu plivastigata, evoluigata trans ŝtataj limoj kaj trans la ŝtata estro al homara sento, por kiu Esperanto jam liveris la esprimon „homaranismo“. Do la edukistoj ne haltigu la infanojn ĉe la limoj de la familio, de la ŝtato, en la nacieca konscio. Ili ne celu la konfesojn: „Juste aŭ ne — mia patrujo“, „La eterna Francio“, „Germanio super ĉio“, sed konduku la infanojn trans ĉiujn limojn al la homaro, al homaranismo.

D-ro Preskott, profesoro de la Harvard Universitato, Boston, en angla lingvo raportis pri la metodoj kaj la rezultoj de la „Esploroj pri sentoj kaj antaŭjuĝoj de la infanoj“. Unu metodo klopodas esplori ĉiujn perajn kaj senperajn influojn, kiuj efikas sur la opinio de la infano rilate milito kaj paco: Lerneja programo, lernolibroj, ministraj cirkuleroj, lerneja organizacio, politiko. Dua metodo estis aplikata kun polaj infanoj dum la milito. La infanoj skribis pri jenaj demandoj: 1. Kial estas milito? 2. Kiel vi fartas dum la milito? 3. Ĉu vi ludas militon? 4. Kion vi deziras al viaj malamikoj? 5. Kiuj okazaĵoj plej forte impresis vin?

Laŭ la tria metodo oni donas al la infanoj 5 asertojn, pri kiuj ili skribas sian opinion nur per la juĝo: Ĝusta, Malĝusta aŭ Necerta: 1. Milito estas bona, ĉar ĝi videbligas la heroismon de la nacio. 2. Milito estas malbona. 3. Nia nacio estas la plej bona kaj plej civilizita. 4. Ĉiu nacio havas apartajn valorojn. 5. Milito ĉiam estos. En konservativa angla lernejo 43 jesis la demandon 3-an, en pli libera 21.

Profesoro Fridrich, direktoro de gimnazio en Brno, membro de TAGE, raportis en Esp-o. pri siaj esploroj de la opinioj de gimnazianoj:

1. Kion vi scias pri la Ligo de Nacioj? (25 el 30 infanoj nenion sciis). 2. Ĉu la paco estas utila? (Jes: 10 por la bonfarto, 7 por trankvilo, 5 por malaltaj prezoj, 3 por trankvila laboro, 2 por prospero de la industrio, 1 por klerigo de la popolo, 1 por evito de epidemioj, 1 por sekureco de malgrandaj nacioj. 3. Ĉu milito estas utila? (4 jesis: ĝi utilas al la komercistoj, venkintoj kaj grandaj nacioj; 26 neis: ĝi pereigas multajn homojn, kripligas, malsanigas, degenerigas, barbarigas ilin, elĉerpas provizojn, kaŭzas mizeron kaj malsaton, semas malamon ktp. 4. Ĉu vi ŝatas esti soldato? (el 18 knaboj jesis 13: Se la patrolando estas en danĝero, 1 nur en la rezervoj). 5. Kiamaniere oni povus atingi la pacon? 6. Ĉu vi opinias, ke la paco efektiviĝos? 7. Kiun impreson vi havas vidante militistaron marŝantan tra la strato? (46% de la respondoj montris bataleman instinkton, 54% tendencon al paco).

En la dua laborkunsido sekvis pritrakto de instruo-problemoj. Prof. Dr. Kamaryt-Bratislava, membro de TAGE, en Esperanto montris, kiel libroj pri naturscienco povas helpi al paceduko. Lernolibroj ne prezentu la militon kiel kaŭzon por la progreso de la scienco, tekniko, industrio; la eltrovaĵojn de la moderna tekniko ne kiel bezonaĵojn nur por la milito; ili montru, kiom da valoroj pereigas la milito, kiom da laboro kaj materio estas jam

forĵetata ĉe la preparo de la milito, ekz. per regula detruo kaj renovigo de la eksplodaĵoj. Ili menciu en objektiva maniero la laborojn de la alilandaj scienculoj.

Inspektoro Franta, Praha, (en ĉeĥa lingvo):

La disvastigo de la pacideo multe dependas de la lernolibro pri historio. Sur tiu kampo bedaŭrinde estas ĝis nun multa manko. Plej ofte ili estas simplaj registroj de nomoj, faktoj kaj datoj: Literoj sen spirito. La historio devas eduki: sekve ĝi kaj ĝiaj instruantoj devas havi spiriton por konduki la novajn generaciojn sur vojo al la progreso homara al la paco. La historio de la homaro ja ne estas nura batalado kaj perfortado, la disvastiĝo de la eŭropa kulturo ne estas rezulto de militoj kaj bataloj, kiel tion rakontas niaj lernolibroj, sed frukto de ideoj, oferoj kaj heroaj agoj de pacaj pioniroj. Tre veras la diro de Carlyle: Ne tiu estis la pli granda bonfaranto de la homaro, kiu venkis en la batalo apud Kaneno kaj Trasimeno, sed tiu sennoma malriĉulo, kiu forĝis la unuan feran plugilon. Ne la generaloj kaj imperiestroj ŝanĝis la historion de la homaro, sed modestaj sindonaj kulturherooj. Alia kulpo de niaj lernolibroj estas la troa glorigo de la propra nacio, kiu kaŭzas malutilan memplaĉon kaj maljustan taksadon pri la aliaj popoloj. Li juĝas, ke la amerikaj lernolibroj estas plej perfektaj el tiu vidpunkto. Proponas postuli de la instruaj aŭtoritatoj energian helpon por la revizio de la lernolibroj kaj instruado en spirito de internacia justeco kaj pacemo.

J. Prudhommeaux, Paris (en franca lingvo):

Kiun grandan signifon la lernolibroj havas por la opinioj de la junularo, ni ekkonas el la alta eldonkvanto de kelkaj libroj. Du Parizaj eldonejoj anoncas disvendon de 1 900 000 kaj 2 500 000 ekzempleroj. La libroj el la postmilita tempo enhavas prezentojn el la milito, en kiuj la propra nacio estas laŭdata kaj pravigata supermezure, la alia nacio kritikita, kalumniita kaj ŝarĝita per tuta kulpo. La franca instruista sindikato (Syndikat national), kiu havas 70 000 membrojn, laŭ sia decido en Strasburgo batalas kontraŭ la ŝovinismajn lernolibrojn kaj bojkotis 26 librojn. La instruistoj el la aliaj landoj sekvu.

Dr. Moebusz, seminardirektoro en Lübeck, membro de TAGE, en Esperanto mencias por tiu temo la germanan konstitucion, kies § 148 ordonas por ĉiuj lernejoj edukadon en spirito de interpopola repacigo. La libro de la Carnegie-fondaĵo, en kiu estas faritaj gravaj kulpigoj kontraŭ Germanio, estos retirata pro manko de ojektiveco. La Germana Instruista Asocio jam la germanajn historilibrojn trarigardis. Kiel tezojn por tiu korektado de historilibrojn trarigardis. Kiel tezojn por tiu korektado de historilibroj li rekomendas la proponojn de la konferenco en Bern 1926 de la societo por praktika kristanismo: 1. Forigo de malveraĵoj, 2. Evito de duflanka moralo (kritiki ĉe la fremda popolo, kio estas permesata por la propra). 3. Evito de ĝeneraligo de iu kritikata fakto rilate fremdajn popolojn.

Dr. Kawerau, Berlin, reprezentanto de la Ligo de Militservrifuzantoj, aldonas du pliajn tezojn:

4. Sindeteno rilate la demando pri la militkulpo. 5. Pozitiva traktado de la Ligo de Nacioj.

Dr. Jokl, Wien, membro de TAGE: La lernolibroj de la latina lingvo enhavas preskaŭ nur milithistorion. Por historio kaj geografio de alia ŝtato devas esti uzataj libroj, kiuj estas skribitaj de tiu popolo mem.

Du Pasquier, kabinetĉefo, Saarbrücken, membro de TAGE, (en germana lingvo) rekomendas por la pacedukado la proponojn de la ekspertuloj de la komisiono por intelekta kunlaborado.

Maurette, estro de la scienca sekcio de la Internacia Labor-Oficejo en Ĝenevo (en angla lingvo): Militoj havas ekonomiajn kaŭzojn. Tial la ekonomiaj cirkonstancoj devas esti ordigataj en internacia skalo. Se ni deziras la pacon, ni jam en la infanoj flegu la senton por politika, ekonomia kaj socia justeco.

Dr. Williams, Cardiff (en angla lingvo):

6000 instruistoj de Kimrio akcelas la movadon por edukado al paco. Depost 1922 tiu temo estas priparolita en 40 konferencoj. Instruo pri la Ligo de Nacioj kaj pri mondcivitaneco estas enkondukitaj en la lernejoj. La infanoj partoprenas la aranĝon de la Tago de Bonvolo (18. Majo) kaj sur siaj radiosalutoj ili trovis varman eĥon el aliaj landoj.

Skorepa, Brod (en ĉeĥa lingvo): parolas pri la civitana instruo en Ĉeĥoslovakio, kiu laŭkonscie estas plenigita per pacifista enhavo, por eviti la danĝerojn, kiuj minacas al paca volo el ŝovinisma civitana instruo.

En la 3-a laborkunsido estis prilaborataj edukaj demandoj.

Prof. R. Casimir, Haag, (en franca kaj Esperanta lingvoj):

En la tempo de la puberiĝo la junulo travivas fazon, en kiu li deziras forĵeti la disciplinon kaj devigon, en kiu li ribelas kontraŭ la donitajn leĝojn. Per sinadministrado oni donu al la junulo okazon, mem kunlabori en la leĝdonado, obei al sia propra leĝo, al la komuno En la sinadministrado kreskas estimo de la malplimultoj, al kiuj la homaro dankas valorajn kulturbonojn. Sen tiu estimo neniu vera paco! La lernejo ne nur preparu por la vivo, sed estu mem vivo!

Dr. Paul Dengler, Wien, (en germana lingvo) raportis pri la kunlaboro de lernantaro, gepatroj kaj instruistaro en sia lernejo. Ĉiuj tri komunoj (lernantaro gepatroj, instruistaro) devas evoluiĝi al vivaj celoj kaj poste formi grandan komunan vivorganismon. Tiu komuna laboro preparas la tolereman spiriton de la paco. La plej malfacila problemo, akiri la instruistojn al tiu laboro, jam devas esti konsiderata en la porinstruistaj lernejoj, en la universitatoj.

S-ino Radlinska, Varsovio, (en franca lingvo): Nepre necese por edukado al paco estas la persona interrilato de la infano kun la infanoj de aliaj popoloj, per interŝanĝo de kartoj, leteroj, desegnaĵoj, libroj. Tiu interŝanĝo estu akcelata kaj organizata de la Internacia Eduka Oficejo kun aliaj asocioj.

Dr. Ŝmakal, Praha, direktoro de la Ĉeĥoslovaka Ruĝa Kruco Junulara (en franca lingvo)

La R K J ampleksas 10 milionojn da gejunuloj, kiuj estas pretaj al reciproka servo. Ekspozicio en la kongresejo montris la fazojn de la interlerneja korespondado kaj filmo, la organizon de la leterŝanĝo: De la kompilo de albumo kun bildoj kaj teksto de klaso el Praha ĝis ĝia alveno en klaso de Bruxelles. Dum la lastaj 5 jaroj la R K J ŝanĝis 1300 sendaĵojn kun diversaj landoj. La internacia centro de R K J estas Paris.

Garnier, inspektoro de duagrada instruado, Paris, gvidanto de la interlerneja korespondado en la Centra Oficejo de R K J (en franca lingvo), raportas pri la laboroj de la centro. La sperto de 8 jaroj pravigas optimismon rilate la influon de tiu interkorespondado al paca volo.

Lernejestro Hahn, Gohlis apud Dresden, membro de TAGE, prezidanto de la Saksa Esperanto Instruistaro, raportis pri siaj spertoj kun infankorespondado en Esperanto. Ankaŭ li akcentas, kiel s-rino Radlinska-Varsovio, la gravecon de persona interrilato de la infanoj: La interŝanĝo edukas la infanojn al paca sento kiel neniu alia instrurimedo. Jena poemo kreskis el la infankorespondado:

Por ke hejmlandon vi komprenu,
Al fremdaj landoj vi alvenu!
Verdaĵo sama kovras tie
Germanan, francan teron, ĉie,
Kaj ondoj de la samaj maroj
La bordojn kisas de miljaroj.
Ĉu nur la homoj malpacemaj
Ne povas esti kunsentemaj?
Ho, baldaŭ venku la kompreno,
Ke paco estas vera beno!

La pacama sento ankaŭ influas la gepatrojn.

La Saksaj Esperanto Instruistoj fondis Internacian Lernejan Servon por instigi kaj organizi la infankorespondadon (adreso: Rich. Müller, Auerbach, Vogtlando, Germanio). Aliaj landoj faru la saman!

Prof. Bovet deziris, ke la laboroj de la Ruĝa Kruco Junulara estu plivastigataj per apliko de Esperanto.

Delanoue, Paris (en Esperanto):

La ligoj por Bonago instigas la infanojn, ĉiutage fari almenaŭ unu bonagon, ĉiaokaze bonagi, subpremi mensogon, protekti malfortulojn, helpi al malriĉuloj, respekti maljunulojn kaj invalidojn, esti kompata al bestoj. La ligoj preparas per tiu laboro novan generacion, kiu estas komprenema al pacaj ideoj.

Tracy Strong, Ĝenevo (en angla lingvo):

1926 okazis en Varmarcus, Svisujo kaj en Helsinki, Finlando, internaciaj kampadoj, kiujn partoprenis 19 resp. 28 nacioj. La partoprenintoj ĉiuj raportis pri profundaj impresoj. Reprezentantoj de la nigra kaj blanka rasoj dormis en sama ĉambro. Anoj de diversaj opinioj komune vivis. Unu konfesis esti ricevinta semon de nova mondrigardo. El Kanada grupo de 100 knaboj pagis la vojaĝon de 6 delegitoj.

Barden, Ameriko, (en angla lingvo):

En Ĉeĥoslovakio okazis 2 kampoj, kiujn partoprenis ĉeĥoj, slovakoj, germanoj kaj hungaroj. Grupo de 8 germanaj knaboj unue preferis apartigi sian tendon de la aliaj nacioj, sed post kelktaga izoleco deziris reveni al internacia kunuleco.

En la kvara laborkunsido kvin komisionoj prilaboris la proponojn de la raportintoj por prepari komunan rezolucion, kiu estis unuanime akceptata en la lasta laborkunsido, kiu okazis en la universitato.

REZOLUCIO (mallongigita):

La konferenco „Paco per lernejo" kunvenanta en Praha, la 16.—20. Aprilo 1927 laŭ iniciato de la Internacia Oficejo de Edukado en Ĝenevo

konstatas kun ĝojo la kreskantan atenton, kiu estas dediĉata al la celo, kiun esprimas ĝia titolo, de nombro pli kaj pli grandiĝanta de individuoj kaj komunecoj de ĉiuj partioj kaj klasoj de l' socio, inter kiu troviĝas aliĝantoj de ĉiuj opinioj filozofiaj kaj religiaj:

infanoj kaj plenkreskuloj izolitaj aŭ grupigitaj en diversaj ligoj en kaj ekster la lernejo, studentoj, gepatroj, instruistoj de ĉiuj instrugradoj, lernejo-direktoroj kaj diversaj lernejaj aŭtoritatoj, registaroj kaj la Ligo de Nacioj mem reprezentita de sia permanenta organismo: La sekretariejo, la internacia Labor-Oficejo, la Instituto de Intelekta Kooperado.

Ĝi salutas tute speciale kun ĝojo post starigo de Internacia Oficejo de Mezlerneja Instruado la starigon de Internacia Federacio de l' instruistaro kunvenanta mem samtempe en Londono.

Ĉiuj branĉoj de l' instruado povas partopreni al tiu renovigo en senco de konstrua spirito. La ideo de l' paco kaj de l' kooperado de la popoloj povas sambone penetri en la instruadon de l' scienco de fiziko kaj naturo, kaj — kun preparo de la tekstoj de kulturo al la tekstoj militistaj — kiel en la instruadon de antikvaj lingvoj, de moderna literaturo, de geografio, kaj de historio.

La lernolibroj okupas hodiaŭ tre konsiderindan lokon en la instruado. Ili faras grandan influon al la infano. Estas nepre necese, ke ili estu trapenetrataj de l' spirito de kooperado interpopola.

La konferenco salutas kun ĝojo la kreskantan atenton, kiun oni dediĉas al tiu ĉi problemo, kiu antaŭ kvin jaroj estis elmontrita de la tria Kongreso de Morala Edukado speciale pri la lernolibroj de historio kaj gratulas por la jam atingitaj rezultatoj. Ĝi opinias, ke estas necese daŭrigi tiun ĉi klopodadon en senco konstrua.

Ĝi ĝoje salutas la starigon de internacia komitato de l' sciencoj de historio kaj ĝiajn projektojn en tiu ĉi sfero.

Kun kontenteco ĝi prenas noton pri la rezultatoj de la kunveno de Alianco de Praktika Kristanismo en Bern kaj aprobas laŭ ilia spirito kaj ĝenerala tekstado la normojn elmontritajn de tiu ĉi kunveno pri la redaktado de lernolibroj de historio.

La konferenco salutas tion, kio jam estas farita por multobligi la kontakton inter instruistoj kaj lernantoj en diversaj landoj:

Lerneja Korespondado internacia en vivantaj lingvoj.
Korespondado de la Ruĝa Kruco de Junularo.
Lerneja Korespondado en Esperanto.
Restado en eksterlando, per interŝanĝo, aŭ alimaniere, de lernantoj kaj de instruistoj.
Restadejoj por studentoj (Studentenheime).
Internaciaj kampoj (tendejoj).
Diversaj paroladoj.

La konferenco konstatas la rimarkindajn rezultatojn moralajn, kiujn oni atingis ĉe infanoj de ĉiuj landoj de l' elementa lernejo per la tiel facila studado de Esperanto kaj de la korespondado en tiu ĉi helplingvo, jam instruita en granda nombro de lernejoj diverslandaj. Ĝi esprimas la deziron, ke la instru-aŭtoritatoj kaj la asocioj de la instruantaro, akcelu kaj faciligu al la junaj instruistoj la studon de Esperanto kaj ĝian instruon al iliaj infanoj, kiel unu el la plej rimedoj por disvolvigi la sentojn de solidareco homara kaj de internacia interkompreno.

La konferenco rimarkas kun simpatio la ideon disvolvigi inter la lernejoj de diversaj landoj la interŝanĝon de dokumentoj kaj objektoj, kiuj povas servi al la instruado kaj rekomendas ĝin por atento al la Internacia Oficejo de Edukado.

Parolante al la junularo pri la Ligo de Nacioj oni montru al ĝi, ke ĝiaj verko kaj celoj kontribuas al la preteco kaj la konsolidigo de tri pacbazoj: bazo politika, bazo ekonomia, bazo socia. Tiu ĉi studo necesigas ankaŭ la scion pri la memstaraj organizoj de la Ligo de Nacioj kaj precipe pri la organizo internacia de laboro.

Por ke oni povu doni tiun ĉi instruadon, la konferenco esprimas la deziron konforman al tiu de la Internacia Komisiono de Intelekta Kooperado, ke la instruistoj ĉiulandaj ricevu instruadon kiel plej eble larĝan kaj kompletan pri la problemo de l' paco.

La instruado pri la paco kaj la Ligo de Nacioj tamen por ili ne estas nova branĉo aldonota por la programo.

La internacia kooperado estas nova vidpunkto, al kiu havi sintenon, ni devas alkutimiĝi, nova spirito, de kiu inspiri nin estas nia devo."

Tiu rezolucio estas sendita de la Internacia Eduka Oficejo al la Ligo de Nacioj, Ruĝa Kruco, internaciaj organizacioj por instruado kaj edukado kaj al la instruistaj asocioj de la diversaj landoj.

Por ke la Pac-konferenco ne estu senefika demonstracio por la paco (por Esperanto certe tre efika), tiuj organizacioj agu laŭ la rezolucio. Kaj ni TAGE-anoj speciale zorgu pri tio.

La aparta tasko de TAGE estas, daŭrigi la komencon de Praha raportante pri Paca Movado kaj Ŝovinismo en la diversaj landoj kaj kolektante tiun materialon en broŝuro.

Do verku skizojn por IPR pri
PACIFISMO kaj ŜOVINISMO en via lando.

6 membroj de TAGE referatis en la packonferenco en Praha. Pli facile TAGE povos plenumi la daŭrigan laboron: Raporti pri la stato de la paca movado en la diversaj landoj. Goldberg.

K-o Hahn, Gohlis-Dresden dum la Konferenco faris radio paroladon (sendstacio Praha, 19. 4. 27), kiu ĉefe enhavis la ideojn kaj faktojn menciitajn en la raportoj de I. P. R. pri la Packonferenco kaj TAGE-kunveno.

## TAGE-KUNVENO EN PRAHA.

En la kadro de la internacia konferenco PACO PER LERNEJO okazis nia 2-a ĉefkunveno dimanĉon la 17-an de Aprilo je la dua en la ĉambrego de la studentina hejmo Budeĉ. En tre zorga kaj dankinda maniero estis preparintaj nian kunvenon kolegino Ŝupichova, s-ro Hromada kaj k-o Neužil, al kiuj ankaŭ tiuloke ni esprimas nian sinceran dankon. Kvankam la malofta sunbrilo kaj la paskodimanĉo logis al promenado kaj rigardado de la

centtura urbo, partoprenis pli ol 60 personoj la kunsidon. Salutojn sendis la germana kaj la bulgara asocioj de Esperanto-Instruistoj. Prezidis nia TAGE-prezidanto, k-o Neužil-Olomouc.

La kunveno kore dankis al k-o Müller-Auerbach, por lia lerta redaktado en jaro 1925 kaj al k-o Ludwig-Pirna por lia kuraĝo, transpreni la redaktejon en kriza momento fine de 1925 kaj por lia diligenta kaj fidela laboro. La administranto raportis pri TAGE kaj IPR.

Kolegino Albrecht kaj k-o Laudel, komisiite de la grupo Leipzig, reviziis la kason kaj atestis, ke ĝi estis en ĝusta ordo. En speciala artikolo „Stato de nia movado" (n-o 5-6 de IPR) vi povis ekkoni, ke ni jam nun, post la unua jartriono superis la staton de l' fino de la pasinta jaro. Se ni tamen ne povas pliampleksigi Internacian Pedagogian Revuon, vi bonvolu konsideri, ke la presejo altigis la prezon post apero de la unua numero forigante eraron de la ofertoj el 1926, eĉ jam el 1925. La kunveno konsilis, ne rezigni la novan, bone akceptitan vestaĵon de I. P. R., sed klopodi per varbado de novaj membroj rekompenci la pli altan prezon. Bona konsilo, do ĉiu al la laboro! Estis intencite krei en Praha propagando-komitaton, kiu laŭsisteme plenumas la aligon de la Esperanto Instruistoj al TAGE. Montriĝis ke tia komitato ne povas esti elektata, sed unue devas kreski el la laboroj de la helpemaj, propagandemaj gekolegoj. Neniu malatentu tiun ĉiaman propagandon por TAGE. Persekutu ĉiun Esp.-kolegon — ĝis vi kaptis lin por TAGE — per la aserto, kiun neniu povas refuti, ke nia Esp.-movado venkas inter la instruistaro, kiam la plej granda parto de la multnombra Esp.-instruistaro kolektiĝis en TAGE, eldonas respektindan gazeton kaj aranĝas modelajn internaciajn pedagogiajn konferencojn.

Por pligrandiĝi la rondon de la kunlaborantoj al I. P. R., la kunveno komisiis al la grupo Pirna tiun specialan taskon.

La kunveno rekomendis al ĉiuj aktivuloj kaj grupoj plej zorgan atenton de la esperanta resumfolio de Vojo de Klerigo, kiu regule estas aldonata al I. P. R.

La kunlaborado de la kolegaro devas obligi eldonon de broŝuroj pri enketoj, per kiuj ni ankaŭ tre bone efikas inter la instruistaro. Aktuala enketo estas pri Edukado al Paco.

La interrilato de TAGE kun la Internacia Eduka Oficejo — Ĝenevo estis sincere aprobita. Ni esperas, ke I. E. O. ankaŭ en estonto vokas nin al siaj internaciaj konferencoj, kaj ni decidis, ankaŭ niaflanke subteni I. E. O. kaj aliĝi al ĝi. La membroj de TAGE eĉ estas petataj, krom tio ankoraŭ persone aliĝi. La kotizon de 5 fr. svis. vi bonvolu sendi al la sekretariino de I. E. O. f-ino Marie Butts, rue Charles Bonnet 4, Ĝenevo, aŭ al la administrejo de I. P. R.

Ni ankaŭ kreis interrilaton kun la nova instruista internacio. K-o Räuber-Leipzig raportis pri la internacia movado. La kunveno decidis sendi jenan rezolucion al la unua kongreso okazinta en London la 22 kaj 23 Aprilo:

Al Sekretario de Instruista Internacio en Paris:

„La TAGE-kongreso dum pasko 1927 en Praha sendas salutojn al la unua kongreso de la Internacia Ligo de Instruistunuiĝoj, okazonta dum la 22 kaj 23 Aprilo en Londono.

Ni konstatas, ke la celoj de la nova Ligo estas parencaj kun tiuj de TAGE, nome:

Unuigo trans la landlimoj de la edukistoj de la tuta mondo sur jenaj

principoj: lukto per edukado kontraŭ milito kaj malamo inter la popoloj kaj starigo de laŭracia kaj humana lernejo.

Pro tio TAGE plej sincere kaj kore salutas la fondon de Instruista Internacio, kies esenca celo estas: Serioza klopodo fortigi ĉe diverslandaj instruistoj la senton kaj volon de frateco kaj solidareco.

TAGE tre deziras helpi al la nova Internacio en ĝia altcela laboro kaj promesas sian subtenon laŭ ĉiuj siaj fortoj.

Tial la Internacia Ligo estas petata:

1. permesi la aplikon de la mondhelplingvo Esperanto a) por referatoj kaj diskutoj dum siaj internaciaj kongresoj, b) por la korespondado kun sia sekretario;

2. komuniki al la organo de TAGE, nome al la Internacia Pedagogia Revuo, ĉiujn gravajn aferojn por ilin publikigi;

3. interrilati kun peranto de TAGE, kiun ni elektos en la urbo de via sekretariejo.

Kiel necesan ilon por atingi internacian sentadon de la kolegoj, TAGE rekomendas aranĝi la internaciajn kongresojn ne kiel kunsidon por malmultaj delegitoj el diversaj landoj, sed kiel renkontejojn por la amaso. La internacia interrilato ne okazu por specialaj delegitoj, sed por la plimulto de la tuta instruistaro. La nuna packonferenco en Praha, kunvokata de la Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo, frapante pruvas, ke internacia kongreso povas tre kontentige labori, se la nacilingvaj referatoj estas tradukataj Esperanten. Spertinte tion, TAGE proponas al la Internacia Ligo aranĝi la tagordon de la instruistaj kongresoj en la sama maniero.

Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj.

Por vigligi la propagandon en la diversaj landoj estas necese fondi naciajn asociojn de Esp.-instruistoj laŭ la modelo de Bulgario, Finlando, Germanio, Saksio kaj Svedio. La kunveno deziris, ke ĉie estiĝu tiaj asocioj kaj aliĝu al TAGE.

Por influi la packonferencon en nia senco, la kunveno preparis la diskuton por la diversaj konferenctemoj. Sed tiu laboro kaj profunda preparo de kelkaj kolegoj preskaŭ estis superflua, ĉar la packonferenco de si mem evoluiĝis tute laŭ niaj deziroj. Ni nur bedaŭris, ke la diskutado estis tro limigita pro la riĉeco de la tagordo de la packonferenco.

K-o Hahn, Gohlis-Dresden., prez. de la Saksaj Esp.-Instruistoj, salutis la kunvenon per jena parolado:

Tre estimataj gekolegoj el la tuta mondo! Ni venis al la bela ĉefurbo Praha ne nur, por viziti la ĉefkunvenon de TAGE, sed ankaŭ por ĉeesti la pacedukan konferencon. Ni vizitis ambaŭ konferencojn kun la sama simpatio; tio montras, ke la porpaca kaj la mondlingva ideoj estas tute amikaj kiel iliaj anoj. Kiel Esperantistoj ni nepre devas konsenti kaj akceli la porpacan ideon, ĉar ĝi ja estas parto de nia „Interna Ideo de Esperanto“. Kiel modernaj Instruistoj ni sentas la samajn devojn, ĉar ni celas eduki generacion, kiu ekkonu, ke la amo al la propra popolo kaj patrolando nur estas nobla kaj sankta, se ĝi enhavas la komprenon kaj estimon por la aliaj popoloj. Tial ni kiel Esperantistoj kaj Instruistoj estas la pacaj batalantoj por la homaranismo, por la porpaca ideo. Pro la celsameco de la porpaca kaj mondlingva ideoj, pro la amikeco de la ambaŭflankaj anoj, mi proponas al vi, saluti la pacedukan konferencon per jena adreso:

„Ni, anoj de la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj en Praha kunvenintaj okaze de nia ĉefkunsido, salutas tutkore la pacedukan konferencon. Kiel instruistoj kaj esperantistaj, edukantaj niajn infanojn laŭ la Zamenhofa Interna Ideo de Esperanto, ni tutanime konsentas la celojn de la porpaca konferenco.

Ni promesas uzi niajn tutmondajn peresperantajn interrilatojn por servi fidele kaj favore al la alta ideo de la mondpaco."

La rezolucio unuanime estis akceptita kaj de k-o Neužil prelegita en la packonferenco.

La ĉefa enhavo kaj la plej interesa parto de la TAGE-kunveno komprenēble estis la packonferenco, pri kiu ni raportas en la sama n-o kaj kiu signifis grandan instigon al nia instruista movado. Kiu deziras danki al la Internacia Eduka Oficejo por tiu helpo, aliĝu al ĝi kaj menciu, ke li estas membro de TAGE.

Goldberg.

## TAGE-KUNVENO DUM LA UEA-KONGRESO EN DANZIG.

TAGE aranĝos fakan kunvenon en Danzig kun jena tagordo:

1. Raporto pri TAGE kaj Internacia Pedagogia Revuo.
2. TAGE-konferenco kaj Pac-konferenco en Praha 1927.
3. Instruado de geografio per Esperanto.
4. Liberaj proponoj.

Ĉiuj Esperanto-instruistoj, speciale tiuj el la najbaraj ŝtatoj de Danzig kore estas invitataj. Liberajn proponojn, precipe de tiuj gekolegoj, kiuj ne partoprenos la kongreson, sendu al

Albin Neužil, lernejestro,
Olomouc - Neředín, Ĉeĥoslovakio,
Prezidanto de TAGE.

## KONFERENCO DE LA INTERNACIA FEDERACIO DE ASOCIOJ INSTRUISTAJ (EN LONDON — 1927).

Reprezentantoj de la ĉefaj instruistaj asocioj franca, germana, holanda, sveda, baltikŝtata kaj angla kunvenis ĉe Hamilton House (N. U. T. administra sidejo) en la fino de Paskosemajno. S-ino Vesman, la edzino de la latvia ministro en London reprezentis Latvion, Estonion kaj Litovion, ĉar la financa stato malhelpis la alsendon de instruistoj. F-ino Theodora George, laŭpete de Aŭgustus Thomas, prezidanto de la Mond-federacio de Edukaj Asocioj, ĉeestis kiel observanto. Estis interese denove vidi la kavaliron Ernest Grey en la komitata ĉambro, aganta en ĉi tiu okazo kiel interpretisto kaj ne kiel elmetanto de Unuiĝaj planoj. Pro la neevitebla foresto de S-ro Mander (prez. N. U. T.) S-ro Goldstone prezidis, kaj M. Louis Dumas (franca) kaj S-ro Wolff (germana) elektiĝis vicprezidantoj. La paroladoj kaj diskutoj okazis en samrajto de angla, franca kaj germana lingvoj.

S-ro Goldstone diris, ke estas lia fiera privilegio doni al la delegitoj tre koran bonvenigon en la nomo de la N. U. T., kiu nombras 121.000 anojn el ĉiuj tipoj de lernejoj kaj kolegioj en Anglujo kaj Kimrujo. Ni sentas kiel grandan komplimenton, ke oni London elektis kiel la kunvenejon, aparte kiam ni konsideras la grandajn distancojn, kiujn travojaĝis kelkaj delegitoj, kaj la nuntempan malfacilan financan situacion. Preskaŭ ĉie en la mondo

ekzistas la deziro pri pli bona kompreno inter la popoloj. Estas ne nur en la animoj de ŝtatistoj, sed la ideo al pli bonkoraj internaciaj rilatoj disvastiĝas kaj esprimiĝas inter geviraj bonvoluloj ĉiulande, kaj estas sentate per persona kontakto en kunvenoj simile al la ĉi-tiea. — kunveno de geviroj, samprofesianaj kaj samideanaj — ke solvo de ĉiuj malkomprenoj devas esti serĉata.

M. Louis Dumas, kiu estis aganta provizora sekretario de la federacio, faris longan kaj interesan raporton pri la laboro, kiun li faris dum la lasta kunveno en Parizo en Septembro 1926. Instruistaj asocioj en Bulgario, Serbio, Ĉeĥoslovakio, Latvio kaj Svisio jam anoncis sian intencon, filiiĝi al la federacio, kaj la tuta membraro nun nombras pli ol 400.000. Kun la la instruistaj asocioj de Usono, Ĉilo, Brazilio, Argentinio kaj Meksiko ekzistas interrilatoj. Multe da informo estis donita al instruistoj en diverslandoj pri jenaj temoj: freŝaeraj lernejoj, „Montessori"- kaj „Dalton"-metodoj, porinstruista eduko, instruista rango; kaj la klopodo en kelkaj landoj, forigi el studlibroj ĉiun falsan informon pri la lasta mondmilito. M. Dumas diris, ke la demando pri internacia libertempa tendaro por knaboj estis esplorita kaj la rezulto estas ke dum la monato aŭgusto tendaro stariĝos ĉe Cette sur la Mediterana marbordo apud Montpelier. Knaboj estos enlasitaj en la tendaron pagante inkluzivan pagon de 2 ŝ. potage. Ankaŭ estis konsiderita la demando pri kursoj en la historio, geografio, etiko k t. p. Espereble estos eldonata monata ĵurnalo aŭ bulteno, kiam la federacia financo ebligos ĉi tiun eldonaĵon.

Konsidero estis donita al la federacia konstitucio, aparte rilate la voĉdonon en konferencoj kaj la monsumon pagatan kiel filiajn pagojn. Sekvis diskuto pri la sumo, kiun pagu ĉiu aliĝinta asocio kiel kontribuon al la federacia kaso. S-ro Sainsbury (angla) indikis, ke li ne kapablas, doni definitivan konsenton al la propono de la franca kaj germana delegitoj. La lasta proponis, ke la kotizo estu fiksita po du dolaroj amerikaj por ĉiu milo da anoj, kaj ke la respektivaj administraj komitatoj estu konsultataj, ĉu ili volonte kontribuos po duoncendo (amer.) por ĉiu ano, por ke la federacio taŭge funkciu. Fine M. Dumas akceptigis amendon, kiu estos resendata al la respektivaj administrantoj por ilia konsidero. Troviĝis, ke la holandaj delegitoj ne kapablis konsenti, same kiel la anglaj, ĉar ili ne ricevis mandaton de sia organizo, konsenti iun pagon pli ol la 25 dolaroj, kiu estis fiksita en Parizo kiel la minimuma intertempa pago farota de ĉiu asocio.

Estis efektiva konsento inter la reprezentantoj, ke la diversaj agadoj federaciaj devus esti raportataj al la filiaj asocioj per bulteno se eble, ankaŭ per raportoj en la profesiaj ĵurnaloj ĉiulandaj pri federaciaj kunvenoj, ankaŭ pri agado por la interŝanĝo de informo, plialtgrada eduko, profesia normo kaj pli bona kompreno inter la nacioj: Konstatiĝis, ke la etendo, ĝis kiu ebliĝos eldoni bultenon devas dependi de la rimedoj konsentitaj de la filiaj asocioj. La idealo celota estas eldono de bulteno en angla, franca kaj germana lingvoj. Nuntempe la eldona laboro koncentriĝas en Parizo. La unua n-o de la federacia organo aperos en Julio.

M. Dumas atentigis pri lernejaj historio-libroj, enhavantaj aludojn al la lasta grandmilito kaj al la rilato inter Francujo kaj Germanujo. Li diris, ke instruistoj francaj faris ĉion eblan, por forigi tion, kio povas kaŭzi akrajn sentojn aŭ misdiron de faktoj rilate al Germanujo kaj li petegis la germanajn kolegojn, ke ili same agu, forigante el germanaj studlibroj misprezenton de

Francujo. Oni eksciis de la germanaj delegitoj, ke tiu karakteriza ago jam estis farita.

M. Dumas estis nomita sekretario federacia dum unu jaro kaj M. Lapierre asistanta sekretario. La ekzekutiva komisiono konsistas el la du sekretarioj kaj Lapièrre (Francio), Goldstone (Anglio), Wolff (Germanio), Bjerke (Svedio), delegitoj el Ĉeĥoslovakio kaj Bulgario. La sidejo de la Internacio estas en Paris en la Instituto por Intelekta Kooperado (Instituto de la Ligo de Nacioj) 2 rue Montpensier (Palais Royal).

Oni konsentis, ke la sekvanta konferenco okazu en Berlin Pasko 1928.

Kiam la konferenco finis en la dua tago, la reprezentantoj kore dankis la anglajn kolegojn por la varmega bonvenigo.

Vendredon vespere la 22-an de Aprilo la Ligo de Nacioj festis ĉe tagmanĝo la konferencan reprezentaron. D-ro Kimmins prezidis, D-ro Maxwell Garnett tostis „la federacion“ per elokventa parolo, kaj koraj respondoj estis farataj germane kaj france de s-ro Wolff kaj M. Dumas. S-ro Sainsbury tostis la Unuiĝon de la Ligo de Nacioj, al kiu D-ro Kimmins respondis per verva parolo.

La sekvantan tagon la delegitoj veturis per aŭtomobilo tra bela parto de Surrey kaj restis ĉe Castle Hotel, Hampton Court, kiel gastoj de N. U. T. Estas sendube, ke la diversaj kunvenoj okazintaj en London faris multon, por fiksi la amikecon inter la instruistaj asocioj, kiuj sendis delegitojn al la konferenco.

N. U. T. = National Union of Teachers.

El „The Schoolmaster and Woman Teacher's Chronicle“ trad.
K. Hancock.

RIMARKO DE M G.: Por diskuti pedagogiajn, sindikatajn demandojn eble sufiĉas tiaj konferencoj de kelkaj delegitoj el la diversaj landoj. Sed se la internacia federacio volas flegi, eĉ estigi inter la instruistaroj la senton kaj volon al internacia frateco kaj solidareco, ni devas postuli grandajn kongresojn, sur kiuj renkontiĝas kaj interamikiĝas miloj da diverslandaj geinstruistoj — ne nur kelkaj dekduoj da gvidantoj de la kvarcentmiloj. Ne toastoj dum lunĉoj de konferenca reprezentaro, sed interkonatiĝo, mi riskas skribi la gravan vorton interfratiĝo, de la instruistoj mem necesas. Se ĉiujare la kongreso ŝanĝas la landon, tio ankaŭ ne estas tro malfacile.

## ĈEFKUNVENO DE LA ESPERANTO-ASOCIO DE GERMANAJ INSTRUISTOJ.

La ĉefkunveno 1927 okazis antaŭirante la germanan Esp.-kongreson la 16. Aprilo en Köln

Ĝi malfermiĝis antaŭtagmeze per du lecionoj en la Dau-lernejo antaŭ multnombra ĉeestintaro (inter aliaj la fame konata s-ro Ernest Archdeacon, Paris, gasto de la germana kongreso kaj du reprezentintoj de la lerneja aŭtoritato en Köln). La lecionoj — la unuan faris s-ro Degen, Leipzig, la duan s-ro Simons, Köln kun sia klaso diligentege instruita pri nia lingvo — estis efika laboro varbanta kaj esperiga preludo al la kongreso germana.

Dum la posttagmeza kunsido oni aŭdis la jarraporton de la prezidanto, k-o Degen-Leipzig kaj la kasraporton de la kasisto, k-o Schneller-Leipzig. Fondu instruistajn lokogrupojn komencigante E-kursojn por instruistoj en la 46 grandurboj germanaj, la instruistaj lokogrupoj estas la ĝermĉeloj de

nia asocivivo kaj la antaŭgvardio de la E-venko fina! Tio estas la ideo de la nunjara ĉefkunveno. Tial la estrarajn raportojn sekvis du referatoj de k-o Schneller: La celoj de la instruista E-movado kaj Jarlaboro de instruista lokogrupo.

La kunvenintaro kun granda bedaŭro sciiĝis, ke k-o Degen pro malbona sanstato estis fordononta sian estran oficon. Kiel nova prezidanto estis elektita per unuanima voĉdonado kolego H. Schneller, lernejestro en Leipzig. Ĉe la fino prezidanto dankis al la kolegoj en Köln pro ilia afablega klopodado al la bonega aranĝo kaj la sukceso de nia kunveno.

La nova estraro estas jena: Prez.: H. Schneller, Leipzig W 35, Schönauer Str. 1; vicprez.: R. Räuber, Leipzig; kasisto: E. Spange, Leipzig, W 35, Lindenauer Str. 55; sekr.: F-ino H. Albrecht, Leipzig N 24, Ploss Str. 54 kaj K. Vogel, Leipzig; kons.: R. Michael, Leipzig kaj H. Laudel, Seehausen-Leipzig.

Ĉe la komenco de sia laboro la estraro sentas la devon, plej kore danki ankoraŭfoje ĉi-tie al la ĝisnuna prezidanto, s-ro Artur Degen-Leipzig, tiu vere majstra Esperantisto per diroj kaj faroj fervorege laborinta ĉiam kaj ĉie; ĉe la skribtablo verkinte lernlibron kaj artikolojn, nelacigeble propagandinte kaj organizinte la instruistan E-movadon en lokaj kunvenoj, en landaj kongresoj kaj sur la fruktodona kampo de internaciaj kunsidoj (Nürnberg 1923, Wien 1924). Plej korajn dezirojn al lia bonfarto! La estraro nova havas la programon malnovan: Ni laboru — kaj ĝi alvokas la asocianojn: Kunlaboru!

## TUTMONDA LERNEJA SERVO.

1. Antaŭ pli ol du jaroj kolego Pfütze en Falkenstein i. V. fondis la „Tutmondan Lernejan Servon“ (TLS), kiu celis ĉefe la peron de la adresoj de korespondemaj infanoj precipe el la popollernejoj. Li fervore laboris ĝis sia neatendita forveturo al Sao Paŭlo en Brazilio. Koncerne liajn klopodojn mi volas nur citi, — krom la peron de multaj adresoj — liajn korespondaĵojn kun la Ruĝa Kruco en Parizo, kun la Germana Ruĝa Kruco en Berlin kaj la Intern. Eduk. Oficejo en Ĝenevo. Ĉiel li povis progresigi la TLSn.

Tuj post lia transloĝiĝo la TLS ne plu funkciis dum kvin monatoj. Neniu sopiris al ĉi tiu laboro, ĉar — tio estas facile kompreneble — ĝi kaŭzas ne nur multan laboron sed ankaŭ elspezojn el la propra poŝo. Kolego Pfütze mem pagis la plej multajn elspezojn; nur de kelkaj Saksoj li ricevis monsubtenon. Ankaŭ en la sekvontaj monatoj la malĝojiga monbazo restos, sed tamen mi ekprenas la laboron de mia amiko Pfütze kaj provos, kiel li antaŭenpuŝi en ĉi tiu rilato nian aferon.

2. Kiun utilon vi havas per TLS? Sendube vi ankaŭ estas konvinkita kaj fervora Esperantisto, kiu ofte pripensis, kiel oni povus apliki Esperanton, por montri al la mondo la nepran necesecon de Esp. Certe vi ne povas gajni multan monon per Esp-o, sed vi povas plej efike labori por la disvastigo de Esp-o, ĉar la instruistaro estas tre grava faktoro sur la vojo al la venko de Esp-o en la mondo. Nur instruante Esp-on en multaj lernejoj, fine eĉ en ĉiuj lernejoj de la mondo, Esp-o fariĝos fakta internacia lingvo. Tial helpu per Esp-instruado en via lernejo, ke la gepatroj, la lernejaj aŭtoritatuloj, la geinstruistoj ekkonu la valoron de Esp-o kaj ĝian certan bonon por la mondinterrilatoj, ke ili almenaŭ ne plu primoku ĝin. La ĝojo de la lernantoj pri iliaj sukcesoj en Esperanto certe influos la gepatrojn. Sed konservi la komencan grandan intereson de la infanoj estas malfacile.

Ofte okazas, ke multaj lernantoj forlasas la privatan aŭ libervolan instruadon poresperantan kaj nur kelkaj fervoruloj restas, per kiuj ni ne povas ataki la indiferentecon en la mondo, en kiu regas la nombro, la amaso. Nia devo estu tial: Ni konservu la infanan intereson pri Esp-o, por ke ni povas montri post la fino de la kursoj grandan nombron de geesperantistoj, kiuj plenkreskinte pligrandigos la armeon de „pacaj batalantoj".

Krom la lerteco de la instruisto ni havas tre efikan helpilon, por konservi la infanan intereson pri la Esp.-instruado en la korespondado kun alilandaj infanoj. La ebleco, ricevi belajn ilustritajn kartojn, poŝtmarkojn, desegnaĵojn, gazetojn, presitajn per nekonataj literoj ktp. ĉiam denove instigas al la lernado de Esp-o kaj pruvas al la infanoj, samtempe, ke Esp-o jam nun estas konata en la tuta mondo. La instruisto povas instigi la infanojn, ke ili skribu pri la vivo en la lernejo, pri la laboro de la gepatroj, pri la apartaj kutimoj en la lando, pri festoj, pri la lernejaj ekskursoj, pri la industrio kaj la agrikulturo de la hejmujo ktp. Poste elĉerpante la korespondaĵon li povas vivigi la tutan lernejlaboron, ekz. geografion, historion, kalkuladon, desegnadon ktp. Instigante la infanojn al la internacia korespondado la instruisto ankaŭ samtempe plenumas specialan devon, kunhelpi en la laboro por la interpaciĝo kaj interfratiĝo de la popoloj.

3. Por servi al la infankorespondado TLS peras laŭ la provizo de adresoj:
   1. korespondadon inter lernantoj. (Oni plenumos laŭeble specialajn dezirojn kaj donos ankaŭ se eble al ĉiuj infanoj de iu klaso adresojn de infanoj el diversaj landoj).
   2. korespondadon inter tutaj klasoj.
   3. korespondadon inter klasoj kaj eksterlanda instruisto.

Ĉu TLS povas peri multajn adresojn, dependas de vi, karaj gekolegoj. Tial mi petas vin: Ne prokrastu la komunikon de adresoj, ĉar TLS intencas montri al la ĉeestontaro de la Danziga Kongreso la benon, kiu elfluas nian aranĝon kaj samtempe la disvastiĝon de Esp-o en la lernejoj. Sed TLS bezonas la helpon de ĉiu kolego. Ne forgesu, ke ni impresos unuopajn instruistojn kaj tutajn instruistajn unuiĝojn nur per la fakto, ke Esp-o estas instrufako, kiu — kiel neniu alia — povas subteni kaj vivigi ĉiujn aliajn fakojn kaj kiu povas eduki al pacifismo.

4. Estas kompreneble, ke TLS ankaŭ bezonas monon por paperoj, kovertoj, listoj, poŝtafrankoj, reklamo ktp. TLS postulas nenion de vi, sed ĝi petas, ke vi kunsendu respondkuponon (poŝtan aŭ pagilon de UEA) por la respondo. Certe ni ne rifuzos mondonacojn, sed ni ankaŭ peros korespondadon, se vi nenion estus ensendinta.

Skribu ankoraŭ hodiaŭ aŭ en la proksima semajno al TUTMONDA LERNEJA SERVO, Richard Müller, Gabelsbergerstr. 2, Auerbach i. V. Germanujo.

Richard Müller.

# EL DIVERSAJ LANDOJ.

## El Anglujo.

La ĉiujara konferenco de la „National Union of Teachers" okazis dum la Pasko-semajno ĉe Margate. Granda nombro da delegitoj el ĉiu angla landparto ĉeestis. Ankaŭ alvenis kelkaj delegitoj el transmaraj landoj. La

konferenco kore bonvenigis ĉi tiujn kaj aŭdis kun plezuro la fratajn salutojn, kiujn transsendis la holanda, germana kaj franca asocioj instruistaj per siaj reprezentantoj, nome: S-oj Mynheer de Zeeuw, Hoehne kaj M. Louis Dumas.

Rezolucioj.

La konferenca tagordo estis tre plena kaj pro manko de tempo kelkaj eroj restis nediskutataj. Post finita debato la konferenco unuanime aprobis jenajn rezoluciojn:

Malpliigo de lerneja instruistaro.

Ĉi tiu konferenco, kredante ke ĝi tute kontraŭas la veran edukon, protestas kontraŭ la agado de la Departemento de Eduko, kiu trudas al lokaj aŭtoritatuloj la malpliigon de ilia loka instruistaro.

Konstruadaj Reguloj kaj Grandeco de Klasoj.

Ĉi tiu konferenco denove asertas sian kredon, ke neniu lernejo kontentigas se ĝi ne provizas:

1. Klasoĉambrojn por kvardek lernantoj kaj ne plu,
2. Sufiĉan provizon por sportludoj,
3. sufiĉan apartan ejon por la instruistaro,
4. apartan ĉambron, en kiu la kuracisto povas esplori la infanojn.

Laŭ opinio de la konferenco neniu klaso en elementa lernejo devus nombro pli ol kvardek lernantoj.

Ludkampoj.

Ĉi tiu konferenco kore aprobas la kunagadon de la N. U. T.-administrantaro kun la Nacia Asocio de Ludkampoj, kaj rekomendas al ĉiuj lokaj aŭtoritatuloj, aranĝi lokajn kaj regionajn esplorojn, por eltrovi la nuntempajn kaj estontajn bezonojn de la loĝantaro kaj disponebligi sufiĉe da ludkampoj kaj eksteraj spacoj. La konferenco aparte atentigas pri la ŝancoj rilate al domkunstruadaj kaj urboplanaj projektoj por tia disponebligo.

Klasifiko de lernantoj.

Kvankam la aĝo devas esti la decida faktoro, konsiderota en la klasifiko de lernantoj, la kutimo klasifiki nur laŭ aĝo estas eduke malĝusta. La afero de infana klasifiko devus esti tasko de la ĉefinstruisto, kiu plenumu ĝin post interparolado kun la klasinstruistoj, kiuj povas konsili laŭ persona scio pri nuntempaj sciaĵoj kaj edukeblaj kapabloj de siaj lernantoj.

Kvalifikaj instruistoj.

La konferenco denove asertas sian opinion, ke la elementa lerneja instruistaro devus konsisti el kvalifikaj instruistoj, ĉar estas plej bone por eduko kaj infanoj, kaj opinias, ke nun alvenas la tempo, ke la Departemento de Eduko anoncu pli fruan daton, post kiu neniu nekvalifika instruisto estu enoficigata.

Nekontentigaj loĝejoj:

Ĉi tiu konferenco instrukcias sian administrantaron, enketi pri la problemo: „Kiel influas la netaŭga kaj nesufiĉa loĝejo la mensan kaj korpan sanstaton de la infano (Raporto pri tio en la konferenco de la venonta jaro).

F-ino Kate Hancock,
172 Sackville Rd. Hove — Sussex, Anglujo.

## Korespondado.

G e r m a n u j o: W. Hoffmann, instruisto, Assaunen b. Wandlacken, Ostpreußen, Germ. deziras interkorespondadi pri korpa kaj aliaj punoj en lernejoj diverslandaj.

S o v e t i o: Instruisto de Esperanto per lernolibro „Petro" petas gekolegojn de ĉ. l. sendi al li ilustritajn lernolibrojn, kiel „esp. infanaro" de Seriŝev. naciilingvajn lernolibrojn kaj apartajn tabelojn, skemojn, pentraĵojn, diagramojn kaj a., lernadon de i. l., kaj skribi pri siaj lertaj metodoj kaj manieroj. — Sovetunio. — Moskvo 10, Dominikovka, d 29, kv. 3, al Polanski N. — Respondos baldaŭ kaj plenumeme.

# DIVERSAĴOJ.

## Jarlibro 1927.

Ĝi devas enhavi raportojn pri la Instruistaj Asocioj de la diverslandoj kaj iliaj ĉefkunvenoj 1927. Kiu volas raporti pri sia lando, tuj skribu tion al la administrejo, por ke ni evitu kelkopan prilaboradon. La raportojn sendu ĝis 15. Septembro al la

Administracio.

## Locarno

4-a Internacia Konferenco de la Laborrondo por Renovigo de la Edukado, 3.--15. Aŭgusto, sub prezido de Prof. Dr. Bovet, Ĝenevo. Kongreskotizo 25 sv. fr. Pensiono dum la tuta konferenco en hotelgrupo A 192 sv. fr., en grupo B 150 sv. fr., lito en seminario 2 sv. fr. po nokte. Aliĝilon petu de Miss Clare Soper, 11 Tavistock Square, London WC. 1. aŭ de S-ino Dr. E. Rotten, Kohlgraben b. Vacha, Rhön.

## Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj.

En Edinburg la faka ĉefkunveno de la esp. geinstruistoj elektis kiel temon por la geinstruista ĉefkunveno dum la Danziga kongreso: „Geografia Instruado kaj Esperanto" (propono de Prof. Dr. Bovet, Ĝenevo). Preparu raportojn pri viaj spertoj! Saksaj gekolegoj, anoncu vian partoprenon al la Prez. W. H a h n, Gohlis-Dresden.

## Toronto-Kanada.

Dua kongreso de la Mondfederacio de Edukasocioj, 7.—12. Aŭgusto sub prezido de Aug. O. Thomas, ŝtata komisaro de edukado, Maine, Usono. Kiel reprezentanto de TAGE partoprenos E. J. Bengough, Mc. Master University Toronto.

## Internacia gazetservo

de la Mondjunularligo sendas liston de 105 gazetoj, kiujn ĝi rondirigas laŭ mendo por malalta abono. Petu la folion de Kurt Heinrich, Berlin N 113, Driesener Str. 10.

## Organo de Mondjunularligo.

Batalas kontraŭ militarismo. Skribu al Georg Schulze-Moering, Berlin SW 11, Möckernstr. 133 a.

## Abstinuloj.

En Danzig oni aranĝos dum la 19-a abstinulan kaj eble bontemplanan fakkunsidojn en ejo kaj tempo, kiujn la loka kongresa komitato fiksos. Temojn kun decidproponoj sendu al instruisto

Emil Heikkinen,
Vainikkala, Finlando.

## Kial ne Esperanto?

En „Freie Lehrerstimme" (Libera instruistara voĉo), la organo de la aŭstria „Freie Lehrergewerkschaft" (Libera Instruista Sindikato), Majo-numero mi legis i. a. raporton pri la unua „Eŭropa instrufilmkonferenco", kiu okazis la 7-an ĝis 12-an de Aprilo en Bazel kaj ĉe kiu ĉirkaŭ 200 reprezentantoj el 19 ŝtatoj ĉeestis. Ĉe la fino de la raporto oni povas legi, ke „spite al la lingvaj malfacilaĵoj — oni parolis germane, france, angle, itale kaj hispane -- tamen montris forta komprenemo kaj volo al internacia kunlaborado --". Ĉu ĉi tio ne estas denove ekzemplo por la neceseco de internacia helplingvo kaj kial oni ne ekuzas Esperanton?

Franz Watzinger, Widmanny 27, Villach - Aŭstrio.

## Laŭdinda poresperanta laboro.

F-ino Julie Ŝupichova, fakinst-ino, M. Ŝtepanska 6 - II, PRAHA, faris jenajn paroladojn:

5. III. en „Unuiĝo instruistina" — „Esperanto en pedagogiaj rondoj".
7. III. en „Instruista Societo" -- „Pri Esperanto kaj TAGE".
28. III. en knabina burĝa lernejo „Pri Komensky, paco kaj Esperanto".
1. IV. en „Centra Instruista Societo" — „Esperanto kaj lernejo".
3. IV. en „Rondeto de Esperantistinoj" — „Zamenhof kaj lia verko".

## Internacia Junultendaro sur la kastelo Freusburg.

8-14 Aŭgusto okazos sur la kastelo Freusburg (Rejnlando, Germ.) tendara semajno, al kiu la junularo ĉiulanda kaj ĝiaj amikoj estas invitataj. El ĉiuj agadaferoj, la religia, eduka, kaj arta, ekonomia, politika, sociala kaj vivreforma, el la varieco de la junulara kaj reforma movado, malgraŭ ĉiu konscia kaj konservinda specialeco kaj malsameco de la taskoj, ni volas kunveni en komuna servo je justa kaj paca estonteco. Homoj de bonavolo, kiuj en forta memdisciplino kaj respondeca persona vivformado ekzemplodonante volas prepari la venontan homaran komunecon kaj volas helpi unu la alian per reciproka interkomprenigo kaj frateco, estas bonvenantaj. La internacia helplingvo de la tendaro estas Esperanto. Demandoj kontraŭ duobla afranko (el eksterlando internacia respondkupono) al Hedwig Eichbauer, Hamm-Sieg, Germanujo.

---

Presejo : Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.

## Propagando.

*Se vi konas Esperanto-instruiston, kiu ne jam legas Int. Ped. Rev. bonvolu sciigi ties adreson al la administrejo.*